**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

**ENHAVO**

La kovrilo: La Prezidantaro inaŭguras la 21an Katalunan Kongreson de Esperanto, en Sant Cugat.

| | Paĝo |
|---|---|
| Vigo, Esperanto-Kongreso . . . . . . . | 3 |
| 21a Kataluna Kongreso de Esperanto | 4 |
| Pri la 70a Unv. Kongreso en Augsburgo | 6 |
| 70a Universala Kongreso . . . . . . . | 7 |
| Paĝoj el la Hispana Beletro . . . . . . | 8 |
| Pri esperantista ŝtato (2) . . . . . . . . | 9 |
| Jubileo, Antologio, kaj... KTP . . . . | 10 |
| La Antaŭkongreso de SAT . . . . . . | 11 |
| Rezolucio de UNESCO . . . . . . . . | 14 |
| Pensoj de Zamenhoj . . . . . . . . . . | 16 |

Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 2402662
08028 BARCELONA

PREZIDANTO
Salvador Aragay i Galbany

VICPREZIDANTO
Luis María Hernández Izal

SEKRETARIO
Víctor Ruiz Rodriguez

VICSEKRETARIO
Josep Miranda Calvo

KASISTO
Joan Font Civit

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros
Libreta n° 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

LIBRO–SERVO DE H.E.F.
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

Pagojn por Libro-Servo:
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
P° de la Constitución 35-4°
50001 ZARAGOZA

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2° iz.
Tel. (942) 339487
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

INFORMA–FAKO
Enrique Piquero Vázquez
Asín y Palacios 8-6° A
50009 ZARAGOZA

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13-3° P.7
28015 MADRID

# VIGO, DENOVE SIDEJO DE ESPERANTA KONGRESO

La Vigaj esperantistoj tre ĝojas pensante, ke denove niaj urbaj stratoj estos honorataj de la alestantoj al la 46a Hispana Kongreso de Esperanto. Tiel, ni kreos tiun ĝojon laŭmezure kiel ni rekontos tiom da konataj vizaĝoj de tiuj esperantistoj, kiujn ni memoras de aliaj kongresoj, okazantaj ĉiujare en belaj hispanaj urboj. Ni akceptos ilin kun frateca brakumo, kiu plenigos nian spiriton je nekomparebla optimismo, kaj, samtempe, memorigos pri aliaj kolegoj, kiuj pro vivcirkonstancoj jam ne troviĝas inter ni, sed tamen ĉiam restados en nia memoro.

La Vigaj esperantistoj vin akceptos kun etenditaj brakoj, kiel faras ĉiu, kiu enkorpigis altruisman idealon, kia estas Esperanto. Alprenante tiun idealon, ĉiuj mondanoj sin sentas tiel fratigitaj, ke oni jam ne rekonas landlimojn, nek rasojn, nek kredojn inter la homoj.

Alvenu do, al tiu belega regiono, komuna patrujo, kies filoj sin sentas dignaj esti tie naskitaj. Kelkaj el vi jam konas ĝin sammotive, kiel oni ĝin ekkonos nun. Galegio, kiel mi diris plurfoje, estas hispana regiono je kiu ni ĉiuj devas enamiĝi. Antaŭe mi jam diris al vi, kaj plu diros, ke ĉiu el vi sentu tian pasion por viaj respektivaj regionoj, kvankam ĉi-foje, kiel bona galego, mi devas esti en la vico por esprimi kun tiom da entuziasmo (ne ŝovinisma), la intencon admiri la vivon sub optimisma prismo kaj fido al niaj humanaj virtoj. Amante la landon de sia naskiĝo, oni amas la tutan mondon, komunan patrujon de ĉiu homo.

Oni koincidas ĉi-jare kun la solenaĵo Internacia Jaro de la Paco. Tiu estas nia sankta temo: la Paco, vorto, kiu plenigas nin je amo al niaj similuloj; kredo, kiun la esperantistoj kunportas kiel gardatan trezoron en sia koro. Tiel, ni estu dignaj por atingi tiun bonigan idealon, kiu donos al ni la plenan fieron esti homoj.

**Julio Bueno Cortés**
**Prezidanto de la L.K.K.**

# 21a KATALUNA KONGRESO DE ESPERANTO

**Sant Cugat del Vallès** **31a Oktobro — 3a Novembro, 1985**

Organizite de Kataluna Esperanto-Asocio okazis en Sant Cugat la 21a Kataluna Kongreso de Esperanto kaj en ĝia kadro la 25aj Internaciaj Floraj Ludoj.

Ĉeestis la Kongreson pli ol ducent esperantistoj. En la malfermo de la Kongreso parolis la Urbestro de Sant Cugar s-ro Oriol Nicolau, la prezidanto de Kataluna Esperanto-Asocio, pastro Manuel Casanoves, la prezidanto de la Kataluma Parlamento Miguel Coll i Alentorn, la prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio Salvador Aragay i Galbany, kaj la prezidantino de la L.K.K. s-ino Trini García.

Unu programeron konsistigis Elementa kaj Progresiga Esperanto-kursoj kaj pedagogia kurso por kursgvidantoj. Norberto Saletti enkondukis kaj gvidis la debaton pri la kongresa temo "Esperanto kaj la Monda Junulara Jaro".

En la Dua Arta Vespero ludis teatraĵon la franca ensemblo "La Krizalido Teatro".

Pri la 25aj Internaciaj Floraj Ludoj, la Sekretario Gabriel Mora i Arana legis la Protokolon, en kiu li skizis la signifon de la Floraj Ludoj kaj rakontis sangan okazintaĵon mezepokan pri la murdita monaĥeja abato de Sant Cugat.

Baldur Ragmarsson, islanda esperantisto-poeto, festparoladis. Li difinis la rolojn de la poezio kaj de la poetoj kaj menciis la reviviĝon de la islanda literaturo post la sendependiĝo en 1944a kaj el tio faris paralelecon inter la islanda kaj la kataluna literaturoj. Sekve, Gabriel Mora i Arana, kiel Sekretario de la Floraj Ludoj, legis la verdikton:

**ROZO** kaj **NATURA FLORO**: NENIO ESTAS KIEL VIA VENTRO
Aŭtoro. José Fernández Arroyo — Hispanujo

**Honora Mencio**: LAŬDKANTO AL AMO
Aŭtoro: J. Kohen-Cedek — Israelo

**EGLANTERIO**: LA KISO ADIAŬA
Aŭtoro: Pier Giorgio Soranzo — Italujo

**Honora Mencio**: KUKURBO
Aŭtoro: Antonina Apollo — Estonujo.

**VIOLO**: POEMO SIMPLA POR LAŬDI EDZINON KLAROKULAN
Aŭtoro: Julio José Juanes — Hispanujo

**PREMIO** "FREDERIC PUJULA I VALLÈS": KIEL FLOKOJ...

Aŭtoro: Roberto Lloancy — Francujo

José Fernández Arroyo rajtigite kiel gajninto de la Natura Floro, elektis sian edzinon Reĝino de la Festo kaj deklamis la amopoemon.

Julio José Juanes, gajninto de la Viola Premio, korsente recitis sian poeziaĵon laŭdantan la edzinon.

Je la Fermo de la Kongreso parolis s-ino María Sansa, konsilantino pri kulturo de Sant Cugat del Vallès. Llibert Puig faris skizon pri la Kataluna Movado, legis la Rezolucion de la Kongreso kaj proponis ĝin por aproba voĉdonado.

Pastro Manuel Casanoves, Prezidanto de KEA, parolis pri la renovigo de la nova sento kaj de la rimedoj, kaj finis sian paroladon per la vortoj: homeco, paco kaj amo; paco, respekto kaj libereco.

**G.M.E.**

# NIAJ GRUPOJ

Malago.— Dum la 4a kaj la 5a de Aŭgusto 1986a okazos en Malago la Unua Renkontiĝo de Esperantistoj Feriantaj. Petu kompletajn informojn. Eksterlandanoj devas sendi du internaciajn respondkuponojn al Andaluza Esperanto-Unuiĝo, Trinidad Grund, 28, 2°, 29001 MALAGA (Hispanio).

"**Frateco**" de Zaragoza festis la kurs-finon la 20an de junio kun informo de s-ro Antonio Marco pri sia nun preparata verko "Historio de la Esperantista Movado en Hispanio"; esperantaj kantoj per diskoj kaj sonbendoj kaj lunĉo kun frandaĵoj kaj trinkaĵoj.

En okazo de la 3a Andaluzia Kongreso de Esperanto estas eldonitaj luksa Kongres-libro kaj bela afiŝo. Oni povas ilin ricevi kontraŭ 80 pesetoj de S.E.J.O.; Pozo, 3; 41003 SEVILLA.

# IMPRESOJ PRI LA UNIVERSALA KONGRESO EN AUGSBURGO, 1985

Kiel partoprenanto en la 70a Universala Kongreso de Esperanto en AUGSBURGO, apud nia samideano J.M. González Aboin, mi kuraĝas hodiaŭ skribi kelkajn liniojn pri miaj impresoj dum tiu Kongreso.

Mi havis la honoron renkontiĝi, eĉ dufoje, kun s-ro Bruno Vogelmann, kiu kun intereso demandis al mi pri nia kataluna, sprita kaj ŝercema samideano s-ro F. Alberich Jofrè. Mi ankaŭ povis interŝanĝi kelkajn vortojn kun s-ro Leon-Smith, al kiu mi parolis pri mia ŝuldo de la promesita glaso da biero, en Londono, jam antaŭ multaj jaroj... sed kiun glason da biero mi ne ankoraŭ havis la okazon prezenti al tre simpatia s-ro Brownlee, kiu estis mia unua kuntrinkanto de bierglaso, post liaj deĵoraj horoj dum la jam de antaŭ longe okazinta Universala Kongreso en ... LONDONO.

Ankaŭ mi povas noti ke, dum la tagoj de la Kongreso, estis eksponata Petskribo al Lia Sankteco la Papo Johan Paŭlo Ia, pri la enkonduko de la lingvo ESPERANTO en siajn oftajn paroladojn al la tuta mondo. Mi subskribis tiun peticion, sed, bedaŭdinde, post du-tri tagoj, la petskribo tute formalaperis kaj mi ne plu povis vidi ĝin.

Pri la oficiala bankedo, al kiu mi ankaŭ enskribiĝis, mi povas diri, unuavice, ke ĝi estis, almenaŭ por mi, tre stranga, ŝoka bankedo, eble tute tipa germana bankedo: sen oficiala trinkaĵo... kiun oni devis mendi kaj, kompreneble, PAGI APARTE.

Dum la bankedo, mi povis sidi kontraŭ nederlanda samideanino, jam konata de antaŭ multaj jaroj. Apud ŝi, sidis ne maljuna belgino kiu, laŭ mi, estis sufiĉe "snoba" kaj ankaŭ tuj apud mi maldekstraflanka, estis ankoraŭ iomete maljuna francino.

Inter la diversaj temoj, estis tiu pri la geedziĝo, iomete stranga por mi, kiu ĵus partoprenis du geedziĝofestojn en Hispanujo. Laŭ la asertoj de la belgino, la gejunuloj jam ne plu geedziĝas. Ili, pervorte, interkonsentas vivadi kune en la estonteco, kaj ... FINITE. Povas esti, laŭ mi opinias nun, ke tio estas kvazaŭ elmontro de la NOVA CIVILIZACIO, kiu jam nun alvenas. Sed mi tre humile opinias, ke la nunaj cirkonstancoj povas nin konduki, ĉu al kolektiva frenezeco, ĉu al la ĝenerala "Ĥaoso" aŭ, ankaŭ eble, al tutmonda nova ĝenerala militado kiu, laŭ multaj, estos jam LA LASTA, pro ĝiaj eldetruaj efikoj sur la tuta mondo.

ESPERANTZALE ZARRA BAT.

**Luis de Otaola Faon**

# 70a UNIVERSALA KONGRESO

## KONGRESA REZOLUCIO

## POR PACO KUN EGALECO

Universala Esperanto-Asocio, dum sia 70a Universala Kongreso, kunveninta en Aŭgsburgo, Federacia Respubliko Germanio, de la 3a ĝis la 10a de aŭgusto 1985 kun 2 311 partoprenantoj el 50 landoj,
*traktinte* pri la fundamentaj problemoj, kiujn nuntempe frontas internacia rilatado, kaj pri la problemoj, kiuj estas nuntempe komunaj por la homaro trans naciaj limoj,
*notinte* la iniciatojn kaj la atingojn okaze de Internacia Junulara Jaro,
*konsiderinte*, ke la jaro 1985 markas la 40an datrevenon de la fino de la Dua Mondmilito kaj de la fondo de Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj,

**deklaras**
1. ke la agado komenciĝinta en la jaro 1985 subtene al la junularo estas daŭriginda kaj ke ĝi certe estos daŭrigata en la Esperanta komunumo;
2. ke la klopodoj protekti la naturan medion bezonas translimajn kunordigadon kaj kunlaboron de medioprotektantoj, al kio Esperanto povas kontribui, kaj tial atentigas la koncernatajn asociojn kaj homojn utiligi Esperanton;
3. ke la klopodoj antaŭenigi internaciajn rilatojn en spirito de paco kaj egaleco kongruas kun la idealoj kaj kun la praktika agado de la Esperanta komunumo.

En ĉi tiu senco la agado de Unuiĝintaj Nacioj kaj de ĝiaj fakaj instancoj —unuavice Unesko— estas subteninda kaj subtenota ankaŭ en la estonteco fare de ĉiuj, kiuj, same kiel la esperantistoj, celas pli justajn rilatojn inter la homoj sen distingo pri la sociaj kaj politikaj sistemoj aŭ pri la forto de la unuopaj landoj.

La Internacia Lingvo Esperanto estas rigardenda kiel unu el la elementoj de tiu celado.

4. ke la rajto je paco estas unu el la fundamentaj homaj rajtoj, kiun oni ne pretervidu.

Pro tio la ĉiuflanka haltigo de pormilitaj preparoj estas urĝa tasko kaj nepra paŝo sur la vojo al paco kaj por evito de tutmonda katastrofo.

Ĉar la strebo al paco estas nemalhavebla elemento de la idearo de la movado por la Internacia Lingvo Esperanto —kiel oni plej laste reasertis en ĉi tiu kongreso dum la Tago de la Paco, okazinta en la tago de la datreveno de la eksplodo de la unua atombombo en Hiroŝimo— la Esperanta komunumo aparte intense agados por realigi la celojn de Internacia Jaro de Paco, deklarita de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj por la jaro 1986.

# PAĜOJ EL LA HISPANA BELETRO

## ORIGINO DE NIA LIRIKO

Ekzistas pluraj teorioj pretendantaj klarigi la originon de la Hispana Liriko. Inter ili, tiu de Julián Ribera, defendata de Menéndez Pidal, ĝis nun la plej trafa. Tiu tezo, prezentas kiel unuarangan elementojn de ĝia formiĝo, la araban-andaluzan medion kaj lirikon, opinio ricevinta pli solidan bazon post certaj malkovroj fare de elstaraj arabistoj antaŭ ne longe: la ĉeĥo Nykl, la egipto Abdalaziz al-Aluani, kaj la hispano García Gómez, koincidantaj en la aserto ke, laŭ Aben Bassana en 1109 en Seviljo kaj Al-Hiyari de Guadalajara en 1106, ambaŭ skribis pri la reala ekzisto de poeto naskiĝinta en Cabra (sude de Kordovo) kies nomo estis Mohammad aŭ Mocaddam, favorato de la emiro Abdallah (888—912), inventinta poezian ĝenron: la "muvaŝaha", kiu prezentis tri revoluciajn novaĵojn grave unikaĵoj en tiu epoko:

a) ĝi estis verkita en mallongaj versoj (la araba metriko konsistis el longaj versoj, do grava originaleco).
b) tiuj versoj estis grupigitaj en strofoj de ŝanĝiĝantaj rimoj (ne kiel la "kasida") araba unurima, do grave diferenca).
c) nia poeto miksas popolan andaluzan esprimon en ĝusta araba poezio: ĉu en "vulgara" araba lingvo, ĉu en la "aljamia" lingvo de la kristanoj...

Al tiu esplora rezulto de la menciitaj arabistoj oni devas aldoni kiel decidan elementon por konfirmi la teorion de Ribera, malkovron (antaŭ ne longe) de dudeko da "muvaŝala"—j en hebrea lingvo, kies finaj versoj estis en tre arkaika hispana lingvo. Tiuj "muvaŝaha"—j datumas de almenaŭ unu jarcento antaŭ la Poemo de Mio Cid, kaj koincidas en la formo kaj en la temoj kun certaj kastiliaj kantoj popularaj, kaj tre similaj al la "cantigas de amigo" galico-portugalaj. Fakte, la antikva kastilia populara liriko preskaŭ tute perdiĝis, kaj nur restas aludoj al ĝi en tekstoj de Gonzalo de Berceo (12a—13a jarcento), kaj en la "Libro de la Bonaamo" (14 jarcento) de ĉefpastro de Hita.

Eble, estus interese aldoni al la ĝisnuna priskribo pri la origino de nia Liriko, komentarion pri la influo de la araba poezio en la naskiĝo de la hispana, sed probable tio kondukus nin al tute speciala esplora temo, stranga al mia modesta amatora kondiĉo, kies sola pretendo estas komenti al niaj legantoj paĝojn el la historio de nia Beletro. Tiu ĉi elmedito nepre rekondukas nin al tiuj aluditaj "muvaŝahaj", komenciĝo de nia Beletro, kiuj malfer-

mis la pordon al la ĝestaj kantoj popularigitaj de la ĵonglistoj. La ĝestaj kantoj estis espiraj primitivaj poemoj, popularaj kaj anonimaj, laŭdantaj la grandajn farojn de la naciaj herooj. Tiuj poemoj, disvastigitaj de la ĵonglistoj, floris dum la 12—13a jarcentoj, sed preskaŭ ĉiuj perdiĝis, escepte de la "Kanto de Don Rodrigo", kvankam estas troveblaj ankaŭ certaj fragmentoj en "Kronikoj", kaj "La Romancaro". Inter tiuj romancoj retrovitaj estas "La sep infantoj de Lara", kaj "Ĝesto de Sanĉo el Kastilio kaj la grafo Fernan Gonzalez, al la filoj de Sanĉo de Navaro, Bernardo de Carpio, k.t.p.

Sendube, la plej grava epika primitiva poemo de nia Beletro estas la "Kanto de Mio Cid" sed niaj legantoj permesos al ni prokrasti tiun komentarion por la proksima numero de "Boletín". Dankon.

**Antonio Marco**

# PRI ESPERANTISTA ŜTATO (2)

En pasinta artikolo ni vidis projekton por krei suverenan, esperantistan ŝtaton. Hodiaŭ ni studos projekton por fondi urbon, ne landon, kie la ununura lingvo estus Esperanto. En 1912 la munhena bankiero Schuler, esperantisto kaj progresema viro, proponis al la tuta esperantistaro de sia urbo fondi novan urbon nur por la samideanoj. Schuler donacis grandan spacon da tereno, proksimume cent hektarojn en Grafelring, loko apud Munheno. La ideo estis konstrui en tiu tereno esperantistan urbon; laŭ la planoj de Schuler oni fondus societon nomitan "Propaganda Ligo" kies ĉefa tasko estus efektivigi la konstruadon. Pri la planellaborado respondecis tre konata arkitekturisto s-ro Siewers, kiu projektis la konstruadon de urbo, aŭ pli bone parkurbo, kun multaj domoj kaj publikaj teatro, kazino, banejoj, hoteloj restoracioj, feriejoj por esperantistaj geknaboj, ktp.

Por realigi tiun projekton la Propaganda Ligo havis 2 milionojn da markoj, kaj oni intencis aranĝi grandan internacian loterion de unu miliono da unumarkaj biletoj.

Ĉi tiu estis grandioza projekto sed, kiel diris Couturat, la samideanoj ne estis riĉaj, la loterio fiaskis, la mono pereis kaj la tuta plano, tre bela por esti vera, baldaŭ forgesiĝis.

**José María Rodríguez**

# JUBILEO, ANTOLOGIO, KAJ... KTP.

La literatura fako de la Hispana Jubilea Komisiono (JLF) jam komencis funkcii.

Kiel sciate, la eldonado de hispana antologio estas pracelo de la esperantaj literaturamantoj de nia lando; tamen, la revo neniam realiĝis, kaj nun, kiam nia komunumo staras antaŭ la pordo de la centjara jubileo, la temo "gŭadiane" fontas. Verŝajne, ne malmultaj samideanoj kredas, ke la eldonado de la antologio estas kelkminuta afero. Nu, amikoj, ni estu seriozaj! La preparo de tiel grava verko postulas, unue, laborplanoj; due, stabon de kunlaborantoj, ĉefe tradukaj; trie, tempon por realigi la planon; kvare, monon por kovri la eldonkoston; kvine, tempon por presi la libron... El la prezentitaj punktoj nur du klaras: ni disponas pri du jaroj kaj ni ne posedas la enorman sumon necesan por eldoni la volumon. Do, punkto kaj fino de la revo.

Ŝajnas ke la fino de la antaŭa paragrafo estas senesperiga, sed ne, ĉar alternativo ekzistas: temas pri **Hispana Literaturo**, serio de poŝlibroj. Ĉi solvo, proponita de la respondeculo de JLF, prezentiĝas kiel novaĵo, kaj certe eble ĝi estas tia en nia komunumo, sed ne en la naciaj libromerkatoj, kie grandaj antologioj malaperis por lasi lokon al la nuntempe furoraj serioj de poŝlibroj, aperantaj ĉiusemajne en la kioskoj. La avantaĝoj de tiu solvo estas multaj, ekz. oni povas prezenti pli ampleksan specimenaron de la hispana literaturo, konsistantan en kompletaj verkoj. La tempo ne rolas kiel glavo de Damoklo. Ĉar la libroj povas aperi laŭ ajna eldonritmo. Sub la kalkulita eldonpolitiko iuj numeroj povus esti deficitaj, dum aliaj, konvene elektitaj, alportus la necesan profiton. Ne necesas, ke la investa kapitalo estu tro granda kaj, cetere, oni povas reakiri ĝin post malpli longa tempo. Estos pli facile atingi ne tro altajn kvantojn da mono el lokaj instancoj por eldoni verkon de ties lokaj ĉefaŭtoroj...

Nu, post serioza trastudo de la situacio, la Jubilea Komisiono decidis lanĉi la poŝlibran serion, kaj jen oni haste pretigas jam la unuan numeron: **La familio de Pascual Duarte** Camilo José Cela, tradukita de F. de Diego. Ĝi aperos ene de 1985 (eble oni povos prezenti ĝin okaze de la Hispana Kongreso. La verko de Cela estas eldonata danke al **investo** farita de Barcelona Esperanto Centro, laŭ la 8a regulo de JLF. Kompreneble ili serĉis monhelpon ĉe ŝparkasoj, ktp. Gratulon al ili!

Ĉiuj atentu kaj notu bone, ke la Literatura Fako de la Hispana Jubilea Komisiono daŭre akceptas manuskriptojn, kaj ke ekzistas diversaj verkoj tradukitaj, do pretaj por prepari pliajn volumojn. **La stultaj infanoj** Ana Maria Matute tradukita de Liven Dek, **Hispana Antologio de Poezio** pretigita de F. de Diego, **Doña Perfekta** Benito Pérez Galdós tradukita de L. Mimó, kaj aliaj. Do, ĉiu grupo deziranta kontribui al la jubileo per la eldonado de sia propra volumo, nepre kontaktu nin, kaj ne forgesu, ke laŭ la regularo de JLF ili mem respondecos pri la financado kaj disvendado, enlande, de la libro, dum HEF ricevos, por krei fonduson kies celo estas daŭrigi la serion, 10 procenton el la eldonitaj volumoj por eksterlanda surmerkatigo. La libro servo de HEF, tamen, povos laŭ interkonsento kun la grupoj aŭ individuaj personoj patronantaj la diversajn verkojn, zorgi ankaŭ pri enlanda disvendado.

Fine, mi devas aldoni ĝojigan novaĵon: Astura Esperanta Asocio eldonos volumon dediĉitan al asturaj verkistoj, kompreneble, ene de la serio **Hispana Literaturo**. Nu, ni atendas viajn reagojn.

**Miguel Gutierrez Aduriz**

---

## 59a KONGRESO DE SAT EN SANT CUGAT DEL VALLES

Hispanio, de la 2a ĝis la 9a de aŭgusto 1986
ORGANIZA KONGRESA KOMITATO: str Montseny, nº 5 –SABADELL (Barcelona)

**La Antaŭkongreso en la "Valo Ordesa"** (Aragona Pireneo) Hispanio, de la 26a de julio ĝis la 1a de aŭgusto 1986.
Ĉar la distanco inter la valo de Ordesa kaj Sant Cugat del Vallès estas relative granda, la du OK devas funkcii tute sendepende.
ORGANIZA KOMITATO

**Prezidanto:** K-do Antonio Marco Botella, Av. Compromiso Caspe, 26, E-50002 Zaragoza, Hispanio.
**Kasistino:** K-ino Antonia Lapuerta Palacios, str. San Vicente Martir, 23, Escalera 1a-8°, E-50008 Zaragoza, Hispanio.
**Monsendoj al:** BANCO ATLANTICO-59SAT–Kongreso. Ctta nº 1114407500/36, Str. Isaac Peral, 1, E-50001 Zaragoza, Hispanio.

**Kotizo en pesetoj**

| | |
|---|---|
| SAT-membro | **1.000** |
| SAT-geedzoj | **1.700** |
| SAT-gejunuloj (15/25) | **600** |
| Gastoj | **1.300** |

## LA HISPANA MUZEO DE ESPERANTO EN SANT PAU D'ORDAL TRANSDONOTA AL LA HEREKPOSEDAĴO DE LA ĜENERALITAT DE KATALUNIO.

Jen la parolo de s-ro Luis Ma Hernández Izal antaŭ la Prezidanto de la Ĝeneralitat:

Tre honorinda moŝto, Prezidanto de la Ĝeneralitat de Katalunio s-ro Jordi Pùjol.

Je la distanco de 38 Km de Barcelono staras la vilaĝo Sant Pau d'Ordal. Tien mi venis por ekzerci mian apotekistan profesion antaŭ kvardek jaroj kaj kvankam mi ĉiam antaŭe loĝis en Barcelono mi tie troviĝis tiel bone, ke mi asimiliĝis kun ĝiaj aktivaĵoj, precipe kulturaj.

Post kelkaj jaroj mi fariĝis esperantisto kaj plej interese estis, ke mi trovis en Esperanto eksterordinaran ilon de kultura disvastigo: ĝi permesas eniri en la animon de ĉiu popolo ne bezonante koni ĝian lingvon kaj tiel, por ekzemplo, mi memoras, ke unu el miaj unuaj korespondantoj estis vjetnamano (tio okazis en la jaro 1954) kaj mi rakontis al li, kio estas la ĉeffesto de Vilafranka kun la drako, la bastondanco, tiu de la ciganino, la homturoj kaj aliaj, aŭ la korespondado kun Profesoro de Krakovio, al kiu mi parolis pri la origino de la kataluna lingvo kaj ĝia literaturo.

Poste venis al mi la ideo kunigi ĉiujn publikigaĵojn en Esperanto ekde la unua tempo. La jaro 1987 estos la centa datreveno de la kreo de tiu lingvo kaj por mi estis nekredebla la ekzisto de tiom da kreita literaturo, kiu devigis min, baldaŭ starigi konstruaĵon nur por enmeti la kolektitan materialon, tiamaniere, ke ĝi estu facile konsultebla de la studemuloj de tiu materialo pri homa komunikado. De tiu momento, la nomo de Sant Pau d'Ordal estas tutmonde konata. La esperantistoj de la tuta mondo scias, ke en Sant Pau d'Ordal troviĝas unu el 31 bibliotekomuzeoj nuntempe ekzistantaj, la kvara laŭ graveco pro ĝia enhavo. Ekzistas alia tre grava, ankaŭ en Katalunio, en Moià, fondita de s-ro Ramón Molera, kiu estis mia instruisto, bedaŭrinde malaperinta, kiam ankoraŭ li troviĝis en la matureco de la vivo.

Post tiu mallonga klarigo al mi restas nur doni al vi, kiel memorigilon de via vizito, ekzempleron de Kataluna Antologio, unu el tiuj unuaj plenformaj aperintaj. Danke al ili, multaj eksterlandanaj esperantistoj konas, eĉ pli bone ol multaj el ni, la katalunan literaturon, ekde Joanot Martorell kaj Ramón Llull ĝis 1925, jaro en kiu aperis tiu antologio.

Sciante, ke vi estas amanto de la muzeoj kaj ke ili estas la manifestiĝo de la popolkulturo, mi prenis la decidon, ke je mia morto, tiu-ĉi biblioteko-muzeo aldoniĝu al la "Heredposedaĵo de la Muzeoj de la Ĝeneralitat"; por kio mi faris la unuajn demarŝojn, se, por mi, estas granda ĝojo kaj honoro antaŭigi parole tiun donacon al vi mem.

Kun granda estimo por ĉio, kion vi faras por Katalunio, vin salutas

**Luis Mª Hernández Izal**

---

# NIAJ GRUPOJ

ESPERANTO AGADO EN ĈESTO.– Organizite de la Valencia Esperanta Grupo kaj helpe de la loka grupo kaj la ĉesta urbestraro, okazis en nia urbo, la unua intensa kurso de Esperanto. Ĉeestis la inaŭguron de la kurso pli ol tridek personoj, el kiuj dek partoprenis ĝin. Tiu kurso de Esperanto estas aranĝita de nia usona samideano Dennis Keefe kaj celas lernigi tiom da esperanto kiom eble al la nesciantoj, dum unu tago. Kiel kursfino okazis vespermanĝado en la Instituto José Mª Haro, la nuna sidejo de la loka grupo "Lumradio".

"JUNAJ VERKISTOJ" estas kolektivo de junaj esperantistoj, kiu kreiĝis en la 9a HEJS-renkontiĝo okazinta en Malago (Hispanio). Ĝi celas kunordigi la poreldonajn strebojn de la junuloj, kiuj verkas kaj trovis konvena publikiĝi ĉi tiel. Tiu kolektivo serĉas kunlaborantojn por publikigi literaturajn, kulturajn kaj sciencajn librojn. La adreso de tiu kolektivo, de kiu vi povas peti informojn, aŭ al kiu vi povas sendi manuskriptojn, estas: A. S. S., Apdo. 6026 – Sevilla (Hispanio).

Malago.– Dum la 4a kaj la 5a de Aŭgusto 1986a okazos en Malago la Unua Renkontiĝo de Esperantistoj Feriantaj. Petu kompletajn informojn. Eksterlandanoj devas sendi du internaciajn respondkuponojn al Andaluza Esperanto-Unuiĝo, Trinidad Grund, 28, 2°, 29001 MALAGA (Hispanio).

**"Frateco"** de Zaragoza festis la kurs-finon la 20an de junio kun informo de s-ro Antonio Marco pri sia nun preparata verko "Historio de la Esperantista Movado en Hispanio"; esperantaj kantoj per diskoj kaj sonbendoj kaj lunĉo kun frandaĵoj kaj trinkaĵoj.

# REZOLUCIO DE UNESKO

# XI.4.4.218

**REZOLUCIO DE UNESKO** XI.4.4.218

## Festado de la centjariĝo de Esperanto

La Ĝenerala Konferenco,

**Konsiderante,** ke ĝi en sia sesio de 1954, okazinta en Montevideo, per la rezolucio IV.1.4.422-4224 notis la rezultojn, atingitajn pere de la internacia lingvo Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj reciproka kompreniĝo inter la popoloj de la mondo, kaj rekonis, ke tiuj kongruas kun la celoj kaj idealoj de Unesko,

**Memorigante,** ke Esperanto intertempe faris konsiderindan progreson kiel ilo de kompreniĝo inter popoloj kaj kulturoj de malsamaj landoj, penetrante en la plimulton de la regionoj de la mondo kaj la plimulton de la homaj agadoj,

**Rekonante** la grandajn eblecojn, kiujn Esperanto prezentas por la internacia kompreniĝo kaj la komunikado inter popoloj de malsamaj naciecoj,

**…tante** la tre gravan kontribuon de la Esperanto-movado, kaj precipe de Universala Esperanto-Asocio, al la disvastigado de informoj pri la agado de Unesko, same kiel ĝia partopreno en tiu agado,

**Konscia** pri la fakto, ke en 1987 oni festos la centjariĝon de la ekzisto de Esperanto,

1. **Gratulas** la Esperanto-movadon okaze de ĝia centa datreveno;
2. **Petas** la Ĝeneralan Direktoron daŭre sekvi kun atento la evoluon de Esperanto kiel rimedo por plibonigi la komprenon inter malsamaj nacioj kaj kulturoj;
3. **Invitas** la Ŝtatojn-Membrojn marki la centjariĝon de Esperanto per konvenaj aranĝoj, deklaroj, eldono de specialaj poŝtmarkoj kaj simile, kaj instigi al la enkonduko de studprogramo pri la lingvo-problemo kaj pri Esperanto en siaj lernejoj kaj siaj institucioj de supera edukado;
4. **Rekomendas** al la internaciaj neregistaraj organizaĵoj aliĝi al la festado de la centjariĝo de Esperanto kaj pristudi la eblecon utiligi Esperanton kiel rimedon por disvastigi inter siaj membroj ĉiajn informojn, inkluzive de tiuj pri la agado de Unesko.

*Akceptita de la Ĝenerala Konferenco de Unesko la 8an de novembro 1985*

# LA CONFERENCIA GENERAL

**Considerando** que en su reunión de 1954, celebrada en Montevideo, la Conferencia General, en su resolución IV.1.4.422-4224 toma nota de los resultados alcanzados mediante el idioma internacional esperanto en el ámbito del intercambio intelectual internacional y la comprensión mutua de los pueblos del mundo, y reconoce que estos resultados responden a los fines e ideales de la Unesco,

**Recordando** que desde entonces el esperanto ha seguido afirmándose notablemente como un medio de intensificar la comprensión mutua de los pueblos y culturas de los diferentes países, introduciéndose en la mayoría de las regiones del mundo y la mayor parte de las actividades humanas,

**Reconociendo** las grandes posibilidades que tiene el esperanto de favorecer la comprensión internacional y la comunicación entre los pueblos de diferentes nacionalidades,

**Tomando nota** de la importante contribución del movimiento en favor del esperanto y, en especial, de la Sociedad Universal del Esperanto, para difundir la información sobre las actividades de la Unesco, así como su participación en dichas actividades,

**Enterada** de que en 1987 el esperanto celebra su centenario,

1. **Felicita** al movimiento en favor del esperanto en ocasión de su centenario;

2. **Pide** al Director General que continue prestando atención a la evolución del esperanto como medio de una mejor comprensión entre las diferentes naciones y culturas;

3. **Invita** a los Estados Miembros a que commemoren el centenario del esperanto con las disposiciones, declaraciones, emisión de sellos, postales especiales, etc. que correspondiese, y que promuevan el establecimiento de un programa de estudio sobre el problema de la lengua y el esperanto en las escuelas e instituciones de enseñanza superior;
4. **Recomienda** a las organizaciones no gubernamentales internacionales que participen en la celebración del centenario del esperanto, y examinan la posibilidad de utilizar dicha lengua como medio de difusión de todo tipo de informaciones entre sus miembros, incluida la información sobre las actividades de la Unesco.

---

## DEZIRAS KORESPONDI

Hungara, dudekjara knabino. Ŝi ŝatas danci, legi, florojn kaj muzikon, kaj deziras korespondi kun hispana knabino.
Kohási Katalin. Vecsés. Fürst Sándor utca 41/a Hungario

28-jara oficistino volas korespondi en la tuta mondo. Interesiĝas pri muziko, filmo, literaturo (ankaŭ literaturo SF en lingvo Esp.) poezio.
Teresa Doreńska. 11-304 BREDYNKI Voj' OLS 2 TYN. Pollando.

# PENSOJ DE ZAMENHOF

*Respondo al invito partopreni fondon de "Hebrea Ligo".*
*30an, junio, 1914.*

Mi mem bedaŭrinde devas stari flanke de la afero, ĉar, laŭ miaj konvinkoj, mi estas "homarano", kaj mi ne povas ligi min kun la celado kaj idealoj de speciala gento aŭ religio. Mi estas profunde konvinkita, ke ĉiu nacionalismo prezentas por la homaro nur plej grandan malfeliĉon, kaj ke la celado de ĉiuj homoj devus esti: krei harmonian homaron. Estas vero, ke la nacionalismo de gentoj premataj —kiel natura sindefenda reago— estas multe pli pardoninda, ol la nacionalismo de gentoj premantaj; sed, se la nacionalismo de fortuloj estas nenobla, la nacionalismo de malfortuloj estas neprudenta; ambaŭ naskas kaj subtenas unu la alian, kaj prezentas eraran rondon de malfeliĉoj, el kiuj la homaro neniam eliros, se ĉiu el ni ne oferos sian grupan memamon kaj ne penos stariĝi sur grundo neŭtrala.

Tio estas la kaŭzo, pro kiu mi malgraŭ la korŝirantaj suferoj de mia gento ne volas ligi kun hebrea nacionalismo, sed mi volas labori nur por interhoma justeco a b s o k u t a. Mi estas profunde konvinkita, ke per tio mi alportos al mia malfeliĉa gento multe pli da bono, ol per celado nacionalisma.

(El "mortinta, sed senmorta", kajero 9a, paĝo 403a —eldonejo ludovikito— 1981)

* * * *

*El letero al Alfredo Michaux – 1905*

Se mi ne estus hebrero el la ghetto, la ideo pri la unuigo de la homaro aŭ tute ne venus al mi en la kapon, aŭ ĝi neniam tenus min tiel obstine en la daŭro de mi tuta vivo. La malfeliĉon de la homara disiĝo neniu povas senti tiel forte, kiel hebreo, kiu estas devigata preĝi al dio en jam longe mortinta lingvo, ricevas sian edukadon kaj instruadon en lingvo de popolo, kiu lin forpuŝas, havas samsuferantojn, en la tuta mondo kaj ne povas kun ili kompreniĝado.

(El "hebrero el la geto", kajero 5a, paĝo 11a —eldonejo ludivikito— 1976.)

# RECENZOJ

Silvio Gesell: "La Mirakla Insulo 'Baratario' ". Tradukis Petro Rulofido. Eldonis Universala Ligo, 1983. 19x7 x 15 cm, 24 paĝoj. **Prezo:** 250 pesetoj.

La fama brita ekonomikisto J.M. Keynes asertis, ke la estonto lernos pli de la spirito de Gessel, ol de tiu de Marks. La prezentata verko celas popularigi liajn pensigajn teoriojn pri libera tero kaj libera mono, en ĉi tiu eldono de Universala Ligo, mondfederista organizaĵo esperantista, kiu per ĝi festas la 40-jaran datrevenon de sia fondiĝo en 1942.

Per facila rakonto la aŭtoro akompanas nin tra ĉio, kio okazas al kolonio de hispanaj elmigrintoj sur fora perdita insulo. Kiel en "Vojaĝo al Kazohinio", ankaŭ ĉi-kaze spicas gutoj da ironio ie kaj tie, kvankam eble malpli gaje. Samtempe la aŭtoro bildiĝas per klara metaforo, kiu konsistigas la rakonton, kiel povas absurdaj decidoj pri monpolitiko ruinigi tutan popolon malgraŭ antaŭa prospero. La procezo estas iom paralela al tiu de "La Besto-Farmo"; nur, ke ĉi lasta verko aperis 22 jaroj poste, t.e. en 1944. Kaj estas tre kurioze, ke ambaŭkaze ŝanĝoj apenaŭ notindaj faras pure kapitalisman sociordon el komenca komunisma stato. Sed en la verko de Gesell, malsame ol kiel en tiu de Orwell, tio okazas "demokratie". Krome, aperas klaraj konkretaj instruoj kaj atentigoj ne nur pri ekonomiko, sed ankaŭ pri politiko. Krom lerni ekonomikon, oni povas ankaŭ nur ĝui la fabelon, ĉar la lingva ĝusteco senĝene kaj senreziste cedas al la intereso por la temo. Tiu intereso vekiĝas ŝtele, kaj konstateblas nur, kiam oni rimarkas sin kvazaŭ partoprenantan en la diskutoj de la roluloj; des pli, ju pli oni proksimiĝas al la lastaj paĝoj, ĉar tie la situacio pli similas al la nia.

Resume, konstruema kritiko pri ekonomika politiko, kiu proponas "trian vojon" preter socialismo kaj kapitalismo, ankaŭ atentinda pro siaj ra kontecaj kvalitoj.

**Rikardo F. Albert R.**

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

Delia Mª Martínez García – c/ Regueral, 14, 1º Dcha. – NAVIA (Asturias) – Hispanujo. Al ŝi plaĉas: lingvoj, vojaĝoj kaj muziko.

Chistian Papenmeier. 32-jara, germana instruisto, deziras korespondi kun amikoj el Hispanujo. Li interesiĝas pri materialoj en Esperanto en rilato al via lando. DDR – 9156 OELSNITZ Obere HauptstraBe 104.

# RECENZOJ

**LA ROBATOJ** de Umar Kajjam en traduko de prof. Gaston Waringhien.

Kvankam la libro aperas sub la marko TK/ Stafeto, la Libroservo de UEA transprenis la tutan stokon kaj do fukcias kiel la ĉefdistribuanto de la verko (prezo: 650 p-toj; triona rabato ekde 3 ekzempleroj) Mendu ĉe Libroservo de HEF.

ELDONA NOVAĴO: Aperis la prelegaro **DISKRIMINACIO**

**DISKRIMINACIO** estas kolekto de i.a. 23 prelegoj kaj komentarioj pri la kongresa temo de la 65-a Universala Kongreso de Esperanto, Stokholmo, aranĝita de D-ro Renato Corsetti.

**DISKRIMINACIO** traktas la radikojn de diskriminacio: diskriminacio kontraŭ etnoj kaj rasoj, internacia ekonomia diskriminacio, diskriminacio kontraŭ virinoj, diskriminacio pro seksa orientiĝo aŭ religio, maldiskriminacio kaj lingva diskriminacio.

La Esperanto-movado kontraŭbatalas la lingvan kaj kulturan diskriminacion.

La teknika plano de la libro estas laŭ avangarda maniero. Ĝi estas en broŝura formo, kun nigra kaj ruĝa kovrilo, speciale desegnita de Peter Oliver. La formato estas A5 kun 175 paĝoj. Prezo 650 p-toj.

Ni ricevis la numeron NULO de nova revuo "LA GAZETO", 20 paĝoj, formato 17.24 cm.

Sin nomas "LA GAZETO", dusemanjna kleriga periodaĵo de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj por konigo de la esperantista kulturo. Adreso de la redakcio kaj administracio: LA GAZETO, 39 rue Josehf Hénot, F-57070 METZ.

En la "vortoj de la redaktoro", li diras: ke la periodaĵo konsistas en du partoj. La unua estas simila al la aliaj revuoj, sed la dua parto estas la plej grava, ĉar ĝi konsistas en "nia universitato", "nia gimnazio" kaj "nia lernejo".

"La duono de ĉi-tiu ĵurnalo volas anstataŭi tio, kio plej terure, plej grave, plej danĝere mankas al nia popolo: **la lernejan instruadon**".

Estu do certaj, diras la redaktoro: "neniam ŝtataj lernejoj disvastigos la internacian kulturon, anstataŭ aŭ apud la nacia. Eble, kiam ni estos tre fortaj, tre riĉaj, tre solidaraj, tiam ili permesos, egalnivele al instruado de aliaj

fremdaj lingvoj, la instruadon de Esperanto. Tiam la lingva problemo solviĝos, sed ankoraŭ ne estos kultura komunaĵo de la homaro kaj ni devos daŭrigi la batalon".

Peranto por Hispanio: Luis Hernández Izal. Banka Mas Sarda: 1900 669/1 –Avd. de Barcelona 35 – Vilafranca del Penedés (Barcelona), Jara abonprezo (18 numeroj): 22 ekuoj = 2.200 pesetosj.

**G. M. E.**

---

# RECENZOJ

*LA ORA POZIDONO, Julian Modest. Budapeŝto. Hungara Esperanto-Asocio, 1984. 68 paĝoj. Formato 19,8 x 14,4. Prezo 350 p-toj.*

Malgranda, sed mirinda romano estas ĉi tiu verko per kiu la aŭtoro tute trafe speguligas la nuntempan socian situacion de hodiaŭaj normalaj feriantoj. Je la komenco, Julian Modest renkontigas kvar personojn, karakterizas ilin kaj la ceteraĵo rezultas tute akorde kun la espero de leganto serĉanta rakontojn kiuj montras, iel, la malesperon kaj la erotikan travivaĵon de multaj el niaj samtempuloj. Ĉio troviĝas ĝuste pesita por ke la legado ne enuigu sed, kontraŭe, ĝuigu tra la kompreno de la sintenoj kaj reagoj de Emil, Adele, Klara kaj Leo (la lastaj, geedzoj). Malgraŭ tio, (aŭ krom tio?) oni eĉ invitas nin cerbumi. Tiel okazas, kiam la aŭtoro paroligas Emil dirantan: "En la flamoj de la sunsubiro naskiĝis la silenta nokto. Ĉu per sia lasta ĝemsopiro la tago donis al la nokto vivon, aŭ la unua spiro de la nokto mortigis la tagon? Kio estas tio –komenco aŭ fino? Ĉu per la nokto la tago estas jam pasinto, aŭ ĉu per la tago, la nokto estos la estonto? Kio vivas, kio mortas? Kio estas la pasinto kaj kio la estonto?"

Tial, oni povas jesi, ke gramatike ĝusta kaj enhave alloga, kaj malgraŭ iuj ne gravaj kaj tre identigeblaj preseraroj, laŭdindas kaj legindas ĉi tiu romano originale verkita en facila Esperanto.

La Movado rajtas fieri pri ĝi kaj pri ĝia aŭtoro.

**Andrés Martín**

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

Patrino kaj filino: 30 kaj 8 jaraj, komencantinoj, deziras korespondi. Ili kolektas bildkartojn kaj poŝtmarkojn.
S-ino Tòth Jòzsefnè kaj Judit Tòth. BAKONSZEG. Vörös Hadsereg U. 6. Sz. H-4164.

# HEF – SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ.** César de Mostegrin Castillo, Pere Morató, Eldemira Campdelecreu, Fernando de Diego, Luis Armadans Marfa, Maria Balsera Lledó, Mercedes Pascual Tomas, Humberto Verdu, Vicente Pascual, Rose Darso, José Rebolledo, Mariano Montsalve, José S. Pascual, María de los Reyes Gómez, María Luisa Salazar, Albert Lluch, Ramón Molera Jimenéz kaj Nuria Gallés.

**NOVAJ ESPERANTO–ASOCIOJ KAJ ESPERANTO–ORGANIZOJ ALIĜINTAJ**

ESPERANTO–FAKO GEAVA DOMO, Circumval-lació 60, MANRESA
ASOCIACION CANTABRA DE ESPERANTO, Consuelo Alonso Vega 20, 7°. A 38010 – SANTANDER
GRUPO BAHAI DE ESPERANTO, Apartado 280, 11300 – LA LINEA (CADIZ)

**71a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO – PEKINO, ĈINIO**

Liceo Madrileño de Esperanto, Atocha 89, Madrido – 28012. kaj VIAJES LUGAR S.A. **KUNORGANIZAS** vojaĝon.
Eliro, 24an de julio de, Madrido.
Reveno 13an de aŭgusto de Hong-Kong.
Individua prezo: 375.000 pesetoj.
Interesatoj, skribu rekte kaj konfirmu vian aliĝon tuj, tuj, tuj!!!

ĈU VI JAM LEGIS LA ARTIKOLON "L A K O T I Z O P A G O J" verkitan de s-ro Luis Serrano Pérez, en pago 20a, bulteno januaro-februaro. Bedaŭrinde en nia FEDERACIO ankaŭ okazas sama problemo, en la pasinta jaro la HEF-estraro devis labori entute pli da 60 horoj nur pro la rembursoj, HELPU! NIAN LABORON SEDANTE AKURATE VIAN JARAN KOTIZON

**HEF – Sekretario**
**Victor Ruiz**

**DEZIRAS KORESPONDI**

Junaj gelernantoj el "Institut Pius Font i Quer" Manresa (Barcelono) HISPANUJO, post kursfino de Esperanto, deziras korespondi. Skribu al Ivan Gonzales Remirez, str. Ctra. de Vic, 140-5-1 el Manresa (Barcelono).

# NOVAĴOJ

Alvoko por AIWAV – Kolokvo 1987.

En aprilo-majo 1987, AIWAV (Internacia Asocio por la Esploro kaj Disvastigo de Aŭdovidaj kaj Struktur-sumaj metodoj) okazigos en la Universitato de Gento (Belgio) plurtagan internacian kolokvon nacilingvan pri la problemaro rilate al la disvastigo kaj pedagogio de tiel nomataj "internaciaj lingvoj". La uzotaj lingvoj estos la franca, nederlanda, angla kaj Esperanto.

Kontakadreso por la esperantistoj: Edward Symoens – Putsesteenweg 131/A B-2180 KALMTHOUT.

**4a ANDALUZIA ESPERANTO–KONGRESO. 15-16-17 aŭgusto, 1986. GRANADA.**

La ĉeftemo de la Kongreso estos "AEU antaŭ la cent-jara datreveno de Esperanto.

**Radioĉeno MALAGA.** Ĉiun ĵaŭdon je 16,45 h. informas en Esperanto dum kvin minutoj.

**AEU KAJ LA JUNULOJ.**

En la simpozio pri "Esperanto kaj la Internacia Jaro de la Junularo", kiu okazis en Malago, oni decidis eldoni libron kun verkoj de junuloj. Inter aliaj verkoj troviĝos "Punenda peko" kaj "Ensuĉo" de Ma José Quesada, junulo el Malago, premiita en la "Belartaj Konkursoj" de UEA.

**FILATELA KOOPERATIVO** interŝanĝos saman nombron de poŝtmarkoj pri popularaj temoj (floro, faŭno, arto, sporto, ktp.) Unu serion kontraŭ unu serio. Specialaj mendoj pri valoraj filatelaĵoj laŭ antaŭa interkonsento. Aliaj proponoj bonvenaj.

Filatelista Kooperativo. Jacek Krassowski. 65-958 ZIELONA GÓRA 8 P.K. 166. Pollando.

**PROJEKTO KAMPADEJOJ.**

Ĉiujare milionoj da homoj kampadas. Inter ili estas aro da Esperantistoj. Sed sen flago, insigno aŭ alia rekonilo, tio ne videblas. Ili preskaŭ neniam renkontas aliajn samideanojn.

Se ni povus elekti kelkajn trankvilajn, belajn, ne tro homplenajn kampadejojn en Eŭropo kaj fari simplan broŝuron kun la rekomendo al esperantistoj por elekti tiujn, tiam la ŝanco por ilia renkontiĝo fariĝas granda.

Se vi povas doni konsilojn: kiujn lokojn elekti? Kie jam regule kampadas esperantistoj? ktp., bv skribi mallongan leteron al Flandra Esperanto-Ligo. Por s-ro P.J. van Duijne. Frankrijkelei 140 B-2000 ANTWENPEN.

# NOTOJ

La esperantista junulargrupeto en Leipzig (Germana Demokratia Respubliko) alvokas ĉiujn esperantistojn traduki popolajn fabelojn kaj ilin sendi al Kulturbund der DOR, Bezirksleitung Leipzig — Jugendgruppe Esperanto — GOR — 7010 Leipzig. Käthe-Kellwitz-Str. 115.

Ĉiujn viajn tradukaĵojn ni uzos por pliriĉigi niajn aranĝojn. Kelkajn el ili ni aperigos en Saksa Kuriero kaj multajn ni premios per jarabono al tiu ĉi leginda ĵurnaleto. Bonvolu skribi. Respondon ni garantias.

# HOMARANISMO REVIGLIĜAS

En julio 1985 fondiĝis la Homarana Asocio (HA), kiu volas studi, instrui kaj disvastigi la homaranismon. Homaranismo estas aŭtentike esperantisma humanismo. Zamenhof karakterizis ĝin jene: "Lingvo internacia havas la celon, krei inter la gentoj neŭtralan ponton en rilato **lingva**, la homaranismo volas krei tian saman ponton en **ĉiuj** rilatoj. La homaranismo estas nur plifortigita esperantismo, kaj ĉiuj tion ĉi sentas, kvankam ne ĉiuj volas tion ĉi laŭte diri."

Zamenhof siatempe ne sukcesis ĝenerale akceptigi la homaranismon: Nek forme, nek enhave ĝi sufiĉe konformis al la intelekta gusto de liaj samtempuloj. Modernaj sociaj tendencoj kaj sciencaj ekkonoj favoras revizion de la siatempa malakcepto. Ŝajnas esti sukcespromesa, reformuli la homaranismon konforme al la postuloj de la nuntempo.

HA volas do **science** trakti la homaranismon kiel **"teknologion pri la konstruado de intelektaj kaj emociaj pontoj"**. Ĉiuj sciencoj pri la psiko kaj la konduto de la homo estas ĝiaj helpsciencoj.

Krome HA volas esti hejmo interalie de tiuj homoj, kiuj interesiĝas pri la religiaj tendencoj de la homaranismo kaj/aŭ pri la homaranismaj tendencoj de la religioj. Tamen tiu interesiĝo tute ne estas deviga por la membroj de HA.

HA deziras kunlabori kun ĉiaj esperantistaj kaj humanismasj organizaĵoj, kompreneble ankaŭ kun UEA. Ĝi agnoskas, ke UEA deziras resti esperantista (en la malpli vasta senco de la vorto), ke ĝi ne povas fariĝi homaranisma: Ĝuste en tio kuŝas la ekzistorajto de aparta homaranisma organizaĵo.

Laŭ enketo ĵus farita de Info-Servo, minimume 30 procentoj de la esperantistoj interesiĝas pri homaranismo. Ili povas peri detalajn informojn de Homarana Asocio (adreso: Bismarckstr. 28, D-3550 Marburg, F.R. Germanio).

# INTERNACIE

## POPOLMUZIKA FESTIVALO EN POLLANDO

La Etnografia Muzeo en Torun informas ke en ĉi tiu interesa, histoririĉa urbo en norda Pollando sekvontjare okazos por la 6a sinsekva jaro, internacia renkontiĝo por popolmuzikaj grupoj de la 30a de majo ĝis la 2a de junio 1986.

Por ĉi tiu okazontaĵo oni invitas orkestrojn (kiuj maksimume konsistas el 10 personoj) kaj kiuj en tradiciaj kostumoj aŭdigos folkloran muzikon (ekz el la propra regiono) per tradiciaj instrumentoj.

Se la koncerna orkestro ne estas tro ampleksa, eblas partopreni 1-2 dancparoj kaj/aŭ kantist(in)oj (prefere ambaŭ).

La organizantoj certigas por ĉiuj partoprenantoj senpagajn tranoktadon kaj manĝigadon, de la tagmanĝo la 30-an de majo ĝis inkluzive la matenmanĝo la 2-an de junio 1985. Eksterlandaj gastoj ricevos poŝmonon.

La vojaĝkosrojn la partoprenontoj pagos mem.

La interesiĝantoj bonvolu skribe anonci sin Esperantlingve al:
MUZEUM ETNOGRAFICZNE, Waly gen. Sikorskiego 19, PL-87-100 – TORUN, Pollando.

## INFORMOJ PRI KUBO

La 8an kaj 9an de Decembro, pasintjare, kunvenis en Havano, en la sidejo de Akademio de Sciencoj de Kubo, al kiu estas ligita, Kuba Esperanto-Asocio, la nacia asembleo, kiu decidis, i.a., okazigi la Unuan Nacian Kongreson de Esperanto en Havano dum Julio 1987; memore de la centjariĝo de Esperanto eldoni, fare de la Ministerio pri Komunikado kaj Nacia Banko de Kubo, serion de poŝmarkoj kaj oran kaj arĝentan monerojn kaj ankaŭ decidis inviti la Asocion UEA okazigi la U.K. de la jaro 1992 en Havano, konekse kun aliaj internaciaj eventoj okazontaj por festi la 5an Jarcenton de la Eltrobo de Ameriko.

### Anglo alilande

Esperantaj propagandistoj miras pri la elstara sukceso de la lumbild/sonbenda prezentado "50 Jarojn de Esperanto", kiun prezentas Frank Buckley.

Li esperas viziti Hispanujon dum la somero 1986.

Sekretarioj kiuj deziras viziton de Frank Buckley povas kontakti lin je 620 Filton Avenue, Bristol, Anglujo.


SFEROJ
SCIENCFIKCIO KAJ FANTASTO